12 MARTO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — N° 3

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

Unu Jaro . . . . . . . . . . . . . 3 fr. 2 1/2 m. 2 1/2 š.
Helpabono. . . . . . . . . . . . . 10 fr. 8 m. 8 š.

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève
aŭ ĉe la lokaj agentoj.

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. B. Kovaĉef, Sofio

**REKLAMO**

1 pago . . . Fr. 240.— ‖ 1/4 kolono . . . Fr. 16.—
1 kolono . . . » 60.— ‖ 1/8 » . . . » 9.—
1/2 » . . . » 30.— ‖ 1/16 » . . . » 5.—

25 % por 12 anoncoj ; 50 % por 24 anoncoj.

Ĝenerala Agento : G. WARNIER, 46, Rue Sainte-Anne, Paris, 2e.

## Ni uzu Esperanton.

La nomo Esperanto estas nuntempe sufiĉe konata ; sennombraj broŝuroj, gazetartikoloj, ĉiaspecaj propagandiloj, paroladoj, kursoj, kongresoj, ĝin disfamigis tra la tuta mondo ; kaj multaj homoj estis interesataj kaj venis al ĝi, cetere pro kaŭzoj malsamaj. Sed ĉu oni povas diri, ke la praktika utileco de Esperanto kreskis proporcie kun ĝia disvastiĝeco ? Neduba estas la respondo. Se oni flanklasas kelkajn izolajn specialajn faktojn, kiuj ĉefe apartenas al fako intelekta, Esperanto estis ĝis nun ne tre utila — aŭ pli bone ĝi ne estis sufiĉe utiligata. Rilate al ni, staras ankoraŭ skeptikete la publiko, kiu demandas nin pri estantajoj, pri jamaj rezultatoj, kaj ne bone komprenas nuran entuziasmon. Tion demandas la publiko : ĉu enironte fremdan urbon, mi trovos hotelon, kaj magazenon kun kies oficisto mi povos paroli Esperante, aŭ ĉu sendonte esperante skribitan leteron al iu fremdlingva komercisto, ĝi estos komprenata kaj esperante respondata ; ĉu Fsperanto utilas al vojaĝantoj, ĉu oni povas per ĝi ricevi ian veran utilon ? Tiujn ĉi demandojn ni devas respondi elmontrante faktojn, kaj ne kontentigante nin per profetado pri la estonteco aŭ per vortoj ekskluzive idealaj. Fondi grupon, ellabori regularon, organizi kursojn, kunveni iafoje en agrabla « rondo esperantista », disjeti semojn per larĝa gesto, tio ja estas io bela kaj necesa siatempe, sed tute ne sufiĉa. Al kio servas la organizo de sukcesa kurso, se ĉe la finiĝo de tiu kurso, multaj forlasas la aferon, ne tial ke ili ne aprobas ĝin, sed nur tial ke la afero ne prosperas ilin konservi kaj allogi per sia utileco. Oni tute ne povas postuli de ĉiuj homoj la saman entuziasmon, per kiu estis provizitaj la unuaj batalantoj ; ju pli ia movado antaŭeniĝas, despli oni devas sin turni al la praktikemeco de la homoj. Sekve, ni propagandu Esperanton malpli per vortoj, kaj pli per faktoj, ni provu, ni penu ĝin uzi, kaj tiel ni baldaŭ plu ne bezonos ĝin propagandi, sed la publiko mem venos al ni.

Grava paŝo estis farita de la dua kongreso ; oni kuraĝigis la praktikanuzon de Esperanto per la kreado de la konsuloj ; la specialfakaj asocioj montris novan direkton de nia movado, sed por ke tiuj kreajoj ne estu io teoria, estas necese ke la publiko por kiu ili estas difinitaj ilin uzu. En tiu ĉi jurnalo mem, estis jam ofte montritaj la servoj, kiujn povas fari tiuj organizajoj, kiuj, kiel la konsuloj, Esp.-oficoj, celas la tujan uzatecon de Esperanto. Tamen, ŝajnas, tro malmultaj komprenis la gravecon de aferoj, kiuj povas ŝajni unuavide malgrandaj kaj tamen estas multe pli efikaj ol tre elokventaj paroladoj, kiuj elvokas nur paseman interesiĝon. Se en ĉiu urbo estas serioze organizita ia konsulejo aŭ oficejo, se de ĝi la fremdulo povas akurate ricevi la petitajn sciigojn, se la vojaĝanto trovas ĉe sia alveno la necesajn informojn, tio ĉi jam estas ia grava rezultato, kiu, ĉar similaj faktoj estas facile diskonigitaj, favore impresos la publikon. Kelkaj el tiuj dezirajoj jam estas bone plenumitaj. Io plia estas farinda. La publiko esperantista uzu la servojn de la konsuloj kaj oficoj ; se ne, tiuj ĉi, kvankam plej bone organizitaj, pereos pro senlaboreco. La esperantistoj, ĝis nun ne sufiĉe uzis la lingvon, nek kuraĝigis tiujn, kiuj ĝin ekuzas. Estas esperantista devo provi la komercajojn de esperantista firmo [1]), peti sciigojn de la konsulejoj, kiam necese, komunigi iliajn servojn, instigi ĉiujn, ke ili profitu tiajn perilojn.

Por ĉiuj ĉi realigindajoj, io estas nepre necesa : internacia agado. En ĉiu fako, nia penado estu internacie farata. Multaj interesaj entreprenoj jam ekzistas, sed pro ne internacia konateco, estas ne uzataj kaj ne uzeblaj. Gazeto aŭ grupo, ekzemple, prave laboras por enkonduki Esperanton en ian fakon, sed ĉar ilia agado estas nur loka aŭ nacia, sekve ne imitata aliloke, la afero malprosperas. Ni do pli kaj pli internacie uzu Esperanton ; al tio ĉi ni dediĉu niajn klopodojn, nian atenton. Tiam, kaj nur tiam, Esperanto estos io forta, vere vivanta kaj neŝancelebla, ĉar gi havos sian radikon en la bezono mem de siaj uzantoj, kaj ne nur en ilia entuziasmo kaj fervoro, kiuj estas ecoj forflugemaj kaj tro rapide mortemaj.

H. HODLER.

[1]) Vidu pri tio artikolon de S-ro Montrosier, Tra la Mondo, februaro 1907.

## TRA LA MONDO

### Sud-Ameriko.

La Plata, februaro 1907.

Tra la senlimaj kampoj, la fervojo sin etendas rekte, kaj la vagonaro trakuras ĝin longajn horojn senhalte, je la regula kaj forta spirado de la ferai pulmoj de la lokomotivo (kial mi ne havas tiajn !). Malmultaj arboj, en la unua tago de la vojaĝo. Nur ĉirkaŭ la « estancia » de iu riĉa brutedukisto staras kelkaj eŭkaliptoj aŭ paradizarboj ne altaj. Laŭ la riveretoj, densaj salikajoj plenaj je birdoj, sed en la kampo, nenio preter la maro de herbo verdaĉa, kie paŝas la mirindaj bovoj kaj la sennombraj ŝafaroj grizaj, kiuj sin movas kiel ondaro. Tie ĉi aŭ tie, stranga kreskajo ŝajnas kiel palmeto tripieda, sed baldaŭ vidiĝas struto, kiu levas la senpluman kapon kaj forkuras batante l'aeron per siaj mallongaj ridindaj flugiloj. Tiu struto ne estas la konata afrika struto, sed malriĉa kuzo konata sub la nomo *njandu*, kies plumoj utilas pli bone por balailetoj ol por ĉapeloj. Iu kuraĝa eksperimentulo provis alklimatigi tie ĉi la afrikan struton, kaj sukcesis havi pli ol 2.000 individuojn ĉefe virseksajn, kiuj, kiel oni scias, liveras la plej belajn plumojn. Sed dum unu militado, la kavalerio tratranĉis la ferfadenojn de l'alambrado, kiu ĉirkaŭbaris la kampon, kaj ĉio forkuris, ruinigante la mastron.

La tuta kampo estas dividita je kvadratoj per kilometrolongaj bariloj de fadeno ŝtala ordigita po ses, sep ĝis ok rangoj. Kiu kalkulos la tutan sumon de tiu ferajo ! Ekster kelkaj « stratoj » kiel oni nomas ambicie teoriajn irejojn ne ĉiam ireblajn, ne ekzistaj veraj vojoj. La vojaĝanto sin gvidas rigardante de malproksime la pordetojn de la bariloj, kaj se, okaze, li trovas, ke la ĉirkaŭturno estas tro granda, ĉiu kavaliro aŭ vetuilro havas specialan pinĉotranĉilon por malfermi al si la vojojn. La riverojn oni trairas, kiel oni povas. Sur la pli grandaj, estas pramoj, kiuj transportas la pasantojn, la ĉevalojn kaj la veturilojn, laŭ forta ŝtala ŝnurego streĉata tra la akvajo. La fervojo, tamen, interniĝas ĉiam pli kuraĝe en la kontinenton, kaj jam oni parolas pri la « Trans-Amerika » fervojo, de Panama al Buenos-Ayres. La ministro de Nord-Ameriko, S-ro Elihu de Root, ĝin aludis tre klare, en sia lasta vojaĝo, kaj tiu komuna espero estos eble realigita antaŭ la fama « Cape to Cairo » angloafrika.

En Durazno, halto. Oni nomas tie ĉi *durazno* la persikon komunan. La hispana vorto *melocoton* estas hebrea por la gaŭĉo ĉi-tiea. Mi ne scias, ĉu la urbo, ĉu la frukto estas la rajta posedanto de la nomo, sed la tuta ĉirkaŭajo estas plenega de tiuj arboj. Plenega ankaŭ la stacidomo, kiel skatolo de sardeloj. Oni atendas la generalon provincestron, *heroon* de la lasta militado. Orkestro de negroj esperas malpacience sian estron por ludi ian « marŝon ». Malgraŭ tiu minaco, mi devas ankaŭ resti tie ĝis la alveno de la interesa buĉisto, ĉar grupo de fraŭlinoj kaj sampartianoj lin atendas kaj ŝtopas la elirejon. Tuta la bando estas senmezure ornamita ruĝe, la koloro de la partio venkinta. Eĉ la fraŭlinoj metis multe, multe tro da rizblanko sur la vangoj, la kolo kaj la brakoj, ruĝegajn rubandojn sur la tuta persono. Fine, jen la granda homo. Dum la orkestro tondras, mi lin observas. Nigra, preskaŭ negra, kun kapo frizita, kovregita de orajoj, li prezentas la konatan figuron de la « haitia generalo ». Tie ĉi, kvankam la plej nombro de la popolo estas blanka, preskaŭ ĉiuj militistoj kaj policanoj estas nigruloj : lasta restajo de la malestimo, kiun oni longan tempon, havis al ili. La orita negrulo supreniras en sia kaleŝo, ruĝa ĝis la vipilo, ĝis la kondukiloj. La lakeoj havas okulojn kaj ĉemizojn ruĝajn. La fraŭlinoj svingas ruĝajn tuketojn : mi kredas diveni, ke ili bedaŭras ne esti ruĝhaŭtulinoj !

Ĉi la nerevido ! homoj, kiuj memorigas la fratomortigan batalon en tiuj pacaj, riĉaj kampoj. La ideoj iras tiel rapide, ke jam la infanoj vin rigardas ne komprenante, dum via ruĝa kavalkado malaperas en la ora pulvo kaj la ardantaj flamoj ruĝaj de l'sunsubiro.

* * *

En Trinidad, unu sinjoro venas al mi, min rigardas, kaj prenante min per la ŝultroj, diras al mi rekte en la vizaĝo : « unu ! du ! tri ! kvar ! kvin ! ses ! sep ! ok ! naŭ ! dek ! Li scias nenion pli da Esperanto, sed li ricevis uuu ĉefeĉ'an ŝlosilon kaj li estas plena de entuziasmo. Mi klarigas al li mian mision : li estos certa apogo, antaŭen ! Mi renkontas unu tian kelkafoje ! »

De nun, mi devas vojaĝi sen fervojo, tra la kampo. Post du tagoj, ni alvenas al la domo de persono favora al la lingvo, sed kiu, kiel tiom da aliaj, post kelkaj lecionoj ĉion forlasis ! Cetere, li havas nenian konfidon al la sukceso de la lingvo kaj sin montras skeptikega. Nu ! dum tiom da *fervoraj* samideanoj sin kontentigas per paroloj kaj neeblaj projektoj de propagando, S-ro Behreno estas tiu, kiu donis al ni la eblon fari tiun vojaĝon, kaj dank'al li estos baldaŭ eldonataj novaj lernolibroj hispanaj. Se nia propagando donas ĉi-tie fruktojn, tio estos ŝuldata al li precipe.

Post kelkaj tagoj pasigitaj en la trankvileco de la kamparo, ni devas foriri okcidenten. En kelkaj lokoj, la akrido, unu el la sep vundoj de Egiptujo, kovras la teron, kiel stranga movanta tapiŝo. Kie ĝi pasis, restas nek unu folio al la arboj, nek unu peceto da herbo sur la tero nigra, kvazaŭ bruligita. Feliĉe, dank'al la metoda detruado, ĝi ĉiam pli maloftiĝas, kaj oni povas esperi ĝian malaperon.

Mercedes estas ĉiutage kreskanta urbeto sur la bordo de l'Rio Negro. En tiu punkto, la rivero larĝas de 600 ĝis 1200 metroj. La arboj de la bordoj kaj de la insuloj estas plenegaj je verdaj papagetoj kies babilado senĉesa kaj konfuza daŭras la tutan tagon. Multaj ŝipoj, kaj grandaj vaporŝipoj iras laŭ la rivero portante komercajojn de aŭ al la urbo. La haveno de tiu ĉi prezentas grandan agadon. Senĉese barkoj alportas de la internajo kaj de la rivero Takuarembo tritikon, majzon, lignon, ledon kaj lanon. Kaj kiam oni pensas, ke la grandegaj landoj trafluataj de tiuj riveregoj estas ĝis nun preskaŭ senhomaj, malgraŭ ilia riĉeco, oni antaŭvidas la tempon, kiam tiu punkto estos haveno pli grava ol Bordeaux aŭ Amsterdam. Granda vaporŝipo nin kondukos de tie ĝis la rivero Urugvaj', kie ni atendos la kurierŝipon de la alta lando ; ĉe la vespero, post ŝipirado inter la insuloj de l'Rio Negro, ni alvenas al Uruvaj'. Se la unua estas riverego, oni apenaŭ vidas la bordojn, Argentino ĉe l'okcidento, orientala, ĉe l'oriento. Kiam ĝi tro ŝvelas, ĝi estas furioza ondaro, kiu forprenas tutajn arbarojn kaj ilin kuntrenas flose kun iliaj serpentoj, de la boao ĝis la trogonocefalo, kaj eĉ malsataj tigroj, kiuj miaŭas pro surprizo kaj kolero. Kun siaj fratoj Paragvaj kaj kaj Parana, ĝi estas la plej grava liveranto de la Muzeo Zoologia en Buenos-Ayres. Tiu rivero estas mistero, kiun nur la geologio povos klarigi : ĝia nuna direkto kontraŭdiras energie la naturon de ĝiaj bordoj. En Montevideo, ĉe la kunmariĝo, ni trovas terajojn pratavolajn : gnejsojn acidajn kun malgravaj trafluoj de siliko aŭ bazalto. Poste, retroirante la fluon de l'rivero, granito blanka kaj granito rozkolora (kiel la egipta) el kiuj estas konstruataj la belaj domoj de la urboj Platriveraj. Jen felspato rozkolora kristaligita en larĝaj pecoj kun malmulte da siliko, sen glimo. Poste la samo, sed pli malgrandpeca, pli aŭ malpli acida, sed ĉiam tre nete praepoka. Ne unu tavoleto de alia terajo inter la granitajoj kaj la lastaj aluvioj, videble neantikvaj, de la rivero. Iom pli alte, oni trovas mason de kungluajo, kie oni retrovas la elementojn de la ŝtonegoj suprediritaj, sed miksataj senorde, per pecoj diversgrandaj, kelkaj rondrulitaj. Tio estas evidente dejetajoj de torentoj fluintaj de sudo norden. Baldaŭ la ĥemia agado komencas. La silikatoj kalkoalumenaj perdas siajn bazojn, kiujn ni retrovos multe pli alte, la kalko post Salto, kaj la alumino en la argiloj de Paragvajlando ! La silico koaguliĝas en formo de : unue oniksoj kolorigitaj kaj per masoj rondoformaj, ofte kun interfluajoj metalaj ; due, masoj grandegaj (mi vidis unu da pli ol cent metroj) da silico tre pura, blanka, kiu sin etendas tra la tuta provinco Mercedes ; trie, inter la kalkajoj de Salto, bulajoj de la sama, sed izolitaj, tre ofte kavaj. Ankaŭ tie oni trovas diverskolorajn kvarcojn kaj ekmontriĝas kristaligitaj alumenoj. Aperas ĉirkaŭ Mercedes, la unuaj tavoloj de alia epoko ol « primaria », en formo de ruĝa sabloŝtono tirola. Sed oni scias, ke la epoko de tiu sabloŝtono estas ofte duba. Nenia ostigita restajo en tiu parto. La unuaj proboscidianaj ostoj troviĝis ĉe la piedo de la montoj Brazilaj, kiuj estas antikvegaj. Tio ĉi postulas hipotezon. Mi ĝin faras tre hazarde, ĉar tiuj regionoj estas pli prilaborataj ol studataj. Laŭ la geologiistoj, la tavoloj, kiujn poste sublevis Andoj dum ilia stariĝo, sin etendis en golfo mallarĝa fermita al sudo, kaj al la okcidento per kontinento nun malaperinta. Supozeble, la montoj Brazilaj, kiuj ankoraŭ nun bordas la oceanon, sin longigis per altaj ĉenoj tra la nunaj landoj kaj, anstataŭ la nuna buŝo de la Plata, sin levis antaŭe pintoj de gnejsoj kaj granitoj praepokaj. Tiam, la riveroj fluis laŭ mala direkto : sude norden, kaj ĉio observita klariĝas. La centro de Sud-Ameriko estis ĉu maro, ĉu lagego, kies bordoj orientaj restas ankoraŭ parte, sed kies okcidentaj tute malaperis. Je la momento de altiĝado de la Anda ĉenego, la « montoj de la Plata » subiĝis kaj la tuta torento de la amerikaj akvoj, tenitaj oriente per la brazilaj restajoj, okcidente

per la novaj montoj, defluegis suden tra la pordo malfermata, gravurante en la fundo de la antaŭa maro tiujn grandajn sulkojn, kies larĝeco mirigas la observanton, Paragvajo kaj Urugvajo.

Tiel sin amuzas la homo, farante hipotezojn sur la ferdeko de ŝipo...

Paul BERTHELOT.

⁂

## Hispanujo

La propagando de Esperanto tre prosperas en la nuna tempo : la granda sukceso de la du internaciaj kongresoj de Esperanto havis grandan influon ĉi-tie ; la Madridaj jurnaloj komencis favore paroli pri nia lingvo kaj la kreado de kursoj kaj grupoj plioftiĝas de tago al tago. Se oni povas diri, ke Murcio estis la naskurbo por Esperanto, ankaŭ oni povas certigi, ke en la nuna tempo, Valencio altiris al si la plej viglan movadon esperantistan. En tiu urbo oni projektas la kreon de eldona societo por enpreso de verkoj esperantaj, kiuj enhavos tekstojn originalajn aŭ tradukojn de la ĉefaj nuntempaj literaturajoj hispenaj. Esperanto faras ankaŭ gravajn progresojn en aliaj urboj, ekz. Barcelono, Bilbao, h.c., speciale en la nordokcidenta regiono, kie S-ro Monteagudo kaj aliaj fervoruloj sukcese propagagandas.

⁂

En politiko, la ĉefa okazintajo estis la ĉeso de la liberala regado kaj la komenco de nova epoko. La liberaluloj regadis dum $1\,^1/_2$ jaroj kaj lasis en projekto siajn famajn leĝojn pri regulado de asocia rajto, forigo de la nutraja regnimposto, kaj starigo de la deviga servado militista. La unua projekto elvekis grandan eksciton, ĉar ĝi koncernis religian aferon, nun tiel gravan kaj urĝan en Francujo. La konservativuloj regadas nun Hispanujon de la fino de januaro, sub prezido de S-ro Antono Maura, kaj baldaŭ okazos la balotoj por la nova deputataro.

⁂

Multaj verkoj en la lasta tempo pliriĉigis la hispanan teatron. La plejmulto estis nur unuaktaj, apartenantaj al la de ni nomita « malgranda speco ». Inter la verkoj, kiuj plejbone sukcesis, oni povas citi la komedion « La gaja karaktero », kunverkitan de S-roj Alvarez Quintero, du junaj fratoj, kiuj entuziasmigas la publikon en ĉiuj siaj amuzaj teatrajoj. La saman nokton de la unuafoja prezentado de « La gaja karaktero » en la hispana teatro,, la admirantoj de la aŭtoroj entreprenis la arangon de la festeno por festi la sukceson de le nova verko. Tiu festeno okazis la 5an da februaro en la sidejo de la ĉefjurnalo ABC kaj estis vera solenajo ; ĉeestis la plej eminentaj viroj, inter kiuj la prezidanto de la ministraro S-ro Maura, la juna ministro S-ro Cierva, bofilo de nia senlaca propagandisto S-ro Codorniu, la deputata parlamentestro S-ro Canalejas, multaj aliaj talentuloj kaj, atentu legantoj! amaso da plej belaj kaj ĉarmaj virinoj. La festo estis rava kaj post la toastoj la festitoj S-ro Alvarez Quintero dankis la geĉeestantojn legante belegan al ili dediĉitan versajon, kiun mi ne tradukas, ĉar mia poeta kapablo estas preskaŭ nula.

Kaj fine, la plej rimarkinda lasttempa novajo en Hispanujo estis la *malvarmeco*, ĉar la termometro bonvolis montri sian malaltecon kaj signi kelkajn aŭ multajn gradojn sub nulo!

Esp. 5597.

## Tutmonda Kroniko

*Februaro 13. Romo.* — Mortas princino Kristino Bonaparte, vidvino de princo Napoleono Karolo.

*14. Priceston (U. S. A.).* — S-ro Carnegie donacas 150 milionojn al la universitato.

*15 Parizo.* — S-ino Sara Bernhard estas elektita profesorino de deklamarto ĉe pariza konservatorio.

*16. Bolonjo.* — Mortas la poeto Giosuè Carducci, je la aĝo de 72 jaroj.

*Vieno.* — Mortas princino Klementino, patrino de princo de Bulgarujo.

*17. Italujo.* — Kontraŭklerika manifestado en diversaj urboj pro la 507 a datreveno de la turmento de Giordano Bruno.

*Nov-Jorko.* — Ektuŝego en la ĉirkaŭurba fervojo; 25 mortintoj, 76 vunditoj.

*19. Parizo.* — Sukcesa parolado de ministro Briand ĉe la franca deputataro pri la deŝtatiĝo de la eklezio.

*Berlino.* — Malfermo de la nova Rejĥstago ; imperiestra parolado.

*Vaŝingtono.* — La ĉambro de la riprezentantoj aprobas leĝon pri elmigrado.

*20. Parizo.* — Mortas la klera ĥemiisto Moissan, elpensinto de la elektra forno.

*Rumanujo.* — Mortas S-ro Lahovary, eksministro de la eksterlandaj aferoj.

*21. Holandujo.* — Apud la riverenirejo de Meŭzo, pereas la vaporŝipo « Berlin » pro ventego ; 150 dronintoj.

*22. Danujo* (Jutlando). — Pereas norvega velŝipo; 18 dronintoj.

*Pretoria* (Sud-Afriko). — Sekve de la balotoj, generalo Botha formas la ministraron.

*La Kaneo* (Kreto). — La vaporŝipo « Imperatrix » surteriĝas ; 40 mortintoj.

*24. Centr-Ameriko.* — La respubliko Hondurasa ekmilitas kontraŭ la respubliko Nikaragva.

*25. Venecio.* — Datreveno de la dua centjaro post la naskiĝo de la komediverkisto Goldoni. Festoj en ĉiuj italaj urboj. Inaŭguracio de busto en Parizo kaj de ekspozicio en Venecio.

*26. Parizo.* — La filantropo Osiris testamentis 30 milionojn por la Pasteur'a instituto.

*Centr-Ameriko.* — G-lo Zelaya, prezidanto de Nikaragvo, venkas batale G-lon Bonilla, prezidanto de Honduraso.

*Berlino.* — Politikaj deklaracioj de la diversaj partiestroj ĉe la germana Reĥjstago. Parolado de kanceliero Bulov.

A. TELLINI.

# INFORMOJ

## Statistiko

*Unuiĝitaj ŝtatoj.* — La linioj de la fervojoj havas suman longon da 350.000 kilometroj kaj uzas pli ol 1.382.196 laboristojn. Ilia tuta valoro superas 10 miliardojn. Laŭ statistiko de s-ro Warne Batting, la nombro de la mortintoj dum la jaro 1906, sekve de la fervojaj malfeliĉoj, atingis 9.703 ; oni kalkulas 86.008 vunditojn. Dum la sama periodo, la nombro de la vagonaraj renkontiĝoj kaj dereliĝoj atingas 13.113, t. e. unu ĉiunaŭdekminute. Mortis 3.718 laboristoj (t. e. po 1 inter 28) kaj 492 vojaĝantoj (1 inter 738 milionoj). Oni de tio vidas, ke la proporcio de la mortintoj estas tre alta.

*Vortriĉeco.* — Inter la eŭropaj lingvoj, skribas La Revue, la angla estas la plej vortriĉa. La *Standard Dictionnary* enhavas 350.000 vortojn. El ĉiuj anglaj verkistoj, Shakespeare-la pretendita malklerulo-uzas 16.000 vortojn. Milton uzas nur 8.000. Oni notu, ke anglo de meza instruado uzas ĉirkaŭe 3 aŭ 4 milojn da vortoj. Per milo da vortoj, oni povas tre bone sin komprenigi en Granda Britujo. A. T.

## Teatro

*Leitmeritz.* — *La Mizeruloj*, dramo de la viena verkisto Karl Marfeld Neumann, dramaturgo kaj la geaktoroj estis aplaŭditaj post ĉiu akto, ĉefe la dua. Oni preparas la tradukon en Esperanto, kaj estas certe, ke la verko almilitos la teatrojn.

W. H.

*Italujo*-Bonan sukceson havis la dramo de la jurnalisto V. Movello, titolita *La ŝiparo de la elmigrantoj* ; ĝi entenas la historion de parlamenta kaj ama intrigo, kies protagonisto estas deputato kun tre malpura konscienco. Bone sukcesis la dramo de Traversi, nome *Edzino honesta.* La du geedzoj amas sin reciproke tro flame. La jaluzo kaj neŭrastenio de la edzo pligrandigas la korpan amon, ĝis li, freneza kaj deliranta, estas kondukita en malsanulejon. Venecio, kie la granda komediverkisto Coldoni naskiĝis en 1707, festis solene lian datrevenon. Li mortis malriĉa en Parizo la 6an de februaro 1793. La plej bela memorajo estis la eldono de lia verkaro, kiu konsistas en 20 volumoj kaj kostis 50.000 fr.

La Keats Shelley Association aĉetis la domon, kie loĝis la du anglaj poetoj Keats kaj Shelley por fari en ĝi muzeon, kaj bibliotekon. La domo estas en Romo, ĉe la preĝejo Trinita dei Monti. A. T.

# ESPERANTO PRAKTIKA

## ESPERANTO-KONSULOJ

*(Dua nomaro)*

### Aŭstrujo

**Leitmeritz.** — Esp. Of. : S-ro W. Heller.

**Praha.** — Konsuloj : S-roj Josef Barvir, Praĥa II-1518; Jos. Novak, II-Zemska Banka ; Vacl. Riegl. II.-Moran 19.

**Reichenberg.** – Konsulo, Esp. Of.: S-ro Richter.

**Wien.** — Esp. Of. : S-ro Romanovitch, Zentagasse 1.

### Belgujo

**Andenne.** — S-ro Melin, 24, Grand'-Rue.

**Antverpeno.** — S-ro Champy, 21, rue d'Herentals ; S-ro Leclerc, avenue de l'Industrie, 11.

**Bruges.** — S-ro Leken, 59, rue des Bouchers.

**Bruxelles.** — S-ro Blanjean, 83, rue du Collège.

**Duffel.** — S-ro Ed. Van Uytven.

**Huy.** — S-ro Wilmet, 43, rue du Marché.

**Liège.** — S-ro Sloutzky, rue de Nysten, 74.

**Malines.** — S-ro Van Peteghem, rue Notre-Dame.

**Namur.** — S-ro Verbeken, 21, rue du Collège.

**Spa.** — S-ro Grosjean.

**Verviers.** — S-ro H. Palmer, 20, place Verte.

### Brazilujo

**Rio-de-Janeiro.** — S-ro Backenher, Largo de S. Francisko.

S-ro R. Kantao (por Komerco), rua dos Purives, 107.

### Britujo

**Bradford.** — S-ro Tuke Priestman, 12 Exchange Building.

**Chester.** — S-ino A. H. Perry, 29 Cherry Road.

**Dover.** — S-ro J. M. Fivez, 25 Pencester Road.

**Edinburgh.** — S-ro Al Easson, S. S. C. 50 Queen street.

**Folkestone.** — S-ro A. P. Southa Scorncleff Road.

**Glascow.** — S-ro D. Buchanan, 7 Garthland st. city.

**Goole.** — S-ro Parker, 58 Pasture Rd.

**Greenock.** — Esp. Of. : S-ro Miller, 15 Charles St.

FELIETONO DE "ESPERANTO" 3

# La £ 1.000.000. Banka Bileto

el **Mark TWAIN**

(trad. P. A. H. MUSCHAMP)

Ĉu mi povas aĉeti ? Ne, mi nenion havas en la mondo esceptante milionon da livroj. Tiel mi devigate preterpasis. Sed baldaŭ mi reiris. Min terure persekutis la tentado. Mi pasis kaj repasis antaŭ tiu butiko almenaŭ ses fojojn dum tia vira batalado. Fine, mi ne baraktis plu : devigate mi kapitulaciis. Enirinte, mi demandis, ĉu oni havas fuŝitan veston, kiu estis forjetita. La viraĉo, al kiu mi parolis, signodonis kape al dua viraĉo, sed ne donis respondon : li alproksimiĝis la montritan viraĉon, kaj tiu ĉi, sen paroloj, signodonis al tria viraĉo. Lin mi alproksimiĝis kaj li elparolis :

« Servos vin baldaŭ ».

Mi atendis ĝis li elfinis kion li faris ; tiam li kondukis min en ĉambreton, kaj, trarigardante amason da fuŝitaj vestajoj, elektis por mi la plej malindan. Mi surmetis ĝin ; ĝi estis tro larĝa kaj neniel ĉarmega, sed ĝi estis nova, kaj mi maltrankvile deziregis ĝin ; do mi ne parolis pri ĝiaj malbonajoj kaj difektajoj, sed mi diris malkonfideme :

« Se vi povus atendi la monon kelkajn tagojn, estus al mi tre oportune. Mi en la poŝo ne havas malgrandajn monerojn ».

La viraĉo artefaris tre sarkasman grimacon ; tiam li diris :

« Ho, kial ne ? Nu, nature, tiom mi ne esperis. Kredeble, tiaj sinjoroj kunportas nur grandajn monerojn ».

Ekkolerante mi diris : « Mia kara, vi ne devas ĉiam juĝi pri nekonatulo, laŭ la vesto, kiun li havas. Mi tute povas pagi ĉi-tiun veston ; mi nur ne deziris doni al vi la enuon ŝanĝi grandan bileton. »

Tiam li aliiĝis iomete sian konduton, kaj diris, kvankam ankoraŭ malŝateme :

« Mi ne parolis malbonintence, sed ĉar vi riproĉas min, mi respondas, ke vi tute ne rajtas konkludi, ke ni ne povas ŝanĝi ian bileton, kiun vi okaze havas en la poŝo. Tute kontraŭe, ni *povas.* »

Mi tuj donis al li la bileton, dirante : « Ho, tre bone, mi petas pardonon. » Li ricevis ĝin kun rideto, unu el tiuj larĝaj ridgrimacoj, kiu tute ĉirkaŭiradas, kiu enhavas faldojn, kaj sulkojn, kaj helikformajojn, kiu similas lokon en lageto, kien oni jus jetis brikon : tiam en la momento kiam li ekrigardetis la bileton, tiu ridgrimaco glaciiĝis, flaviĝis, kaj tiel similis tiujn ondajn, vermajn, tordajn lafajojn, kiuj troviĝas malmoligataj sur la ebenajetoj de la deklivo de Vezuvio. Neniam antaŭ tiu momento, mi vidis rideton tiamaniere kaptitan kaj daŭrigitan. Tie staris la viro, senmove tenante la bileton, kiam la butikestro rapide proksimiĝis por klarigi la aferon. Li vigle diris : « Nu, kio estas ? kio okazas ? kio mankas ? » Mi diris : « Nenio okazas. Mi atendas ŝanĝmonon. »

« Nu, nu, donu la ŝanĝmonon, Tod, dodu la ŝanĝmonon. »

Tod respondis : « Donu ŝanĝmonon ! Facile dirata, sinjoro ; vi rigardu la bileton. » La butikestro ekrigardetis, mallaŭte, elokvente fajfis, tiam subite subenkliniĝis al la amaso de rifuzita vestajaro, kaj ĝin ekdisigis tien kaj tien ĉi, dum li babilis ekscitege, kvazaŭ al si mem : « Vendi al stranga milionulo tian malmontrindan vestajon ! Tod estas malspritulo — natura malspritulo — naskiĝis tiel, ĉiam faras ion tiamaniere, forpelas ĉiun milionulon el la magazeno, ĉar li ne povas distingi milionulon de vagisto, kaj neniam povis. Ha, jen, tion mi serĉis. Bonvolu senvestigi vin je tiuj aferoj, kaj forjetu ilin en la fajron. Bonvolu surmeti tiun ĉemizon kaj tiun veston ; jen, bona afero kaj ĝuste alfarita — senornama, riĉa, modesta kaj duke modema ; farita laŭ la mendo de fremda princo — eble, vi konas lin, sinjoro, lia Glora Moŝto, la Hospodar de Halifaks ; devigate, li lasis ĝin ĉi-tie kaj prenis funebran veston, ĉar lia patrino, estis mortonta — cetere ŝi ne mortis. Jen malgrava afero ; mi ne povas havi ĉion kiel ni ; — tio estas, kiel ili. Jen ! fasono bonega, mirinde konvenas al vi, sinjoro : nur la veŝto ; aha, ree bone ! nun la jako — dio mia ! nu rigardu tiun ! Perfekta — la tuta afero ! Neniam dum mia tuta spertado, mi vidis tian triumfon. »

Mi esprimis mian kontentecon.

« Bone, sinjoro, bone ; estas bona jamfaritajo, tion mi povas certigi. Sed atendu ĝis vi vidos kion mi faros por vi laŭ via propra mezuro. Nu, Tod, libron kaj plumon ; komencu, krura longeco, 32" - k.t.p. Antaŭ ol mi povis eldiri unu parolon, li jam mezuris min, kaj poste mendis frakojn, jaketojn, ĉemizojn kaj ĉiuspecajn aferojn. Kiam fine mi trovis okazon por paroli, mi diris :

« Sed, mia kara sinjoro, mi ne povas akcepti ĉi-tiujn mendojn, nur se vi povos atendi senlime aŭ ŝanĝi la bankbileton. »

« Senlime ! Tio estas malforta vorto, sinjoro, malforta. Eterne — jen la vorto, sinjoro. Tod, elrapidigu tiujn aferojn, kaj sendu ilin laŭ la adreso de tiu sinjoro kaj.... »

« Mi jus translogas. Preterpasante, mi sciigos al vi la novan adreson. »

« Tre bone, sinjoro, tre bone. Momenton — mi havos la honoron elkonduki vian Moŝton. Jen bonan tagon, sinjoro, bonan tagon. »

Nu, vi komprenas, okazis tio, kio devis okazi. Nature, mi komencis aĉetadi kion ajn mi bezonis, poste mi petis ŝanĝmonon. Post semajno, mi estis luksege provizita je ĉiuj necesaj komfortajoj kaj luksajoj, kaj eklogis en multekostan privatan hotelon en Hanovera Placo. Mi tie vespermanĝis, sed por la tagmanĝo, mi estis fidela al la humila restoraciejo de Harris, kie mi unue ricevis manĝon por mia milionlivra bankbileto. Mi ekfaris la riĉecon de Harris. La fakto disfamiĝis, ke la fremda strangulo, kiu portadis en la veŝtpoŝo milionlivrajn biletojn estas patrono de l'ejo. Tio sufiĉis. Antaŭe malriĉa, baraktanta, malsata, malgranda entrepreno, ĝi fariĝis fama kaj troŝarĝita de klientaro. Harris estis tiel dankema, ke li devigis min akcepti pruntojn, kaj ne volis, ke mi rifuzu ; kaj, tiamaniere, mi, senmonulo, havis monon por elspezi, kaj vivadis kiel la riĉuloj kaj famuloj. Mi juĝis, ke baldaŭ estos rompego, sed, jen, mi estis, kaj mi devis transnaĝi aŭ droni. Tiu elemento de minacanta malfeliĉego ĝuste donis gravan flankon, seriozan flankon, jes, tragedian flankon al la stato de miaj aferoj, kiu alie estus nur ridinda.

*(daŭronta.)*

